3.ª Epoko * N.º 85 : Junio * 1924 :

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Pri reorganizado

III

Al multaj, sed ne al ĉiuj, ĝis nun ŝajnis tute akceptindaj niaj proponoj pri urba kotizaĵo ĉe la esperantistaj grupoj celanta la alporton de propaj rimedoj por la subteno de supera tutiberia organizado. Se malfacile estas akordigi la homojn pri ĝeneralaj vidpunktoj, tio estas malfacilega rilate al ekonomiaj aferoj. Unu peseta monata monpago ŝajnas al kelkaj tro malgranda kvanto, ĉar, ili diras, per tiuj negravaj monsumoj oni povas fari malmultajn miraklojn. Aliaj, kontraŭe, opinias, ke por iaj malriĉaj urbetoj tiu kvanto estas neatingebla de la plejmulto el iliaj loĝantaj samideanoj kaj tial ĝi devas esti malgrandigata.

La fervorega tre konata propagandisto el urbeto de la valencia provinco eĉ esprimis sian opinion antaŭ ni per vere pentrindaj kaj plenpravaj frazoj. «Se mi postulus el miaj lernantoj kaj samgrupanoj unu peseton monate,—li diris—mi certe restus tute sola. Mi bezonas por la varbado de adeptoj pli da diplomatio, ol la Komitato por la riparpostuloj postmilitaj. La sistemon, kiun mi estas devigata

## Sobre reorganización

III

A muchos, pero no a todos, hasta ahora han parecido del todo aceptables nuestras proposiciones respecto a la cuota local en los grupos esperantistas, con el fin de aportar medios propios para el sostén de la organización superior ibérica. Si difícil es poner de acuerdo a los hombres sobre puntos de vista en general, esto es dificilísimo en cuanto a las cuestiones económicas. La cuota de una peseta al mes parece a algunos una cantidad muy pequeña, porque, dicen ellos, con estas cantidades insignificantes se pueden hacer pocos milagros. Otros, por lo contrario, opinan que para pueblos pobres esta cantidad no puede conseguirse de la mayoría de los correligionarios locales y por eso debe ser rebajada.

Un fervoroso, muy conocido propagandista de un pueblo de la provincia de Valencia, hasta expuso su opinión ante nosotros con frases verdaderamente pintorescas y razonables. «Si yo exigiera a mis alumnos y compañeros del grupo una peseta al mes,—dijo—seguramente me quedaría completamente solo. Yo necesito para la recluta de adeptos más diplomacia que el Comité de reparaciones de

uzi en mia varblaboro, oni povus nomi *bonintenctrompema*, ĉar mi unue akceptas tute senpage en nia esperantista rondeto ĉiujn alvenantajn scivolulojn, kiuj iom post iom fariĝas esperantaj lernantoj; kiam mi juĝas ke ili estas sufiĉe interesataj pri la afero, tiam alvenas tio, kion mi nomas la *dua grado*, kaj mi postulas de ili la ŝajne sensignifan kotizaĵon da 0'25 pesetoj monate, por helpi al la elspezoj de la klaso, k. t. p., kio preskaŭ ĉiam estas bone akceptata; fine, kiam alvenas la *tria grado*, tio estas, kiam la lernantoj sin montras vere entuziasmaj, mi invitas ilin eniri en la Societon, kiel grupanoj kaj mi tiam postulas el ĉiu 0'50 pesetojn, kio estas la maksimumo atingebla, sed ne ĉiam facile pagata de ĉiu membro...»

Tio estas vera realaĵo en niaj rondetoj kaj tre konsiderindaj estas tiaj elmontroj. Ni bezonas do kelkan flekseblecon ĉe la regularo starigota de nia Konfederacio, celante doni al la grupoj—precipe al la malgrandaj—la plej larĝan liberecon en ĝia funkciado, tute ne forgesante la devigan apogon, kiun ili ŝuldas al la subteno de la Konfederacio.

Tial mi ekpensis ian solvon por la dirita malfacilaĵo, kiun mi volas nun submeti al ĉies konsidero. Kaj mi dezirus proponi aldoneton al tio, kion mi prezentis por diskutado ĉe la antaŭa numero de LA SUNO HISPANA, laŭ la jena paragrafo:

«La grupoj, ĉe kiuj ekzistos malfacilaĵoj por plenumi la diritajn kondiĉojn, povos sin regi tute libere en sia interna vivaranĝo, kaj ili nur estos devigataj alporti sian monhelpon al ŝia Federacio, je 0'50 pesetoj monate po ĉiu membrokotizaĵo, kiun ili povos pagi, kiom ajn estu la nombro de siaj membroj; sed konpense je tio, ili rajtos ricevi nur saman nom-

la post-guerra. El sistema que estoy obligado a emplear en mis trabajos de propaganda podría llamarse *engañoso con buena intención*, pues yo primero admito gratuitamente en nuestro círculo esperantista a todos los que llegan con deseos de aprender, los cuales poco a poco se hacen alumnos esperantistas; cuando juzgo que están suficientemente interesados en el asunto, entonces llega lo que yo llamo el *segundo grado*, y les exijo la cuota al parecer insignificante de 0'25 pesetas al mes, para ayudar a los gastos de la clase y demás, lo cual casi siempre es bien aceptado; por fin, cuando llega el *tercer grado*, esto es, cuando los alumnos se muestran verdaderamente entusiasmados, yo les invito a entrar en la Sociedad como miembros del grupo y entonces exijo de cada uno 0'50 ptas., lo cual es el máximum alcanzable, pero no siempre pagado fácilmente por todos los miembros...»

Esto es la verdadera realidad en nuestros círculos y son muy dignas de consideración tales manifestaciones. Necesitamos, pues, cierta flexibilidad en el reglamento que se establezca para nuestra Confederación, con el fin de dar a los grupos—principalmente a los pequeños—la más amplia libertad en su funcionamiento, no olvidando de ningún modo el obligado apoyo que deben al sostenimiento de la Confederación.

Por eso he ideado una solución para dicha dificultad, que quiero someter ahora a la consideración de todos. Y desearía proponer una pequeña adición a lo que expuse para su discusión en el número anterior de LA SUNO HISPANA, según el siguiente párrafo:

«Los grupos en los que existan dificultades para cumplir dichas condiciones, podrán regirse con toda libertad en su organización interna, y solo estarán obligados a aportar su auxilio a su Federación, con 0'50 ptas. al mes por cada cuota de miembro que puedan pagar, cualquiera que sea el número de sus socios; pero en compensación de esto tendrán sólo

bron da ĝeneralaj servoj, kiom da tielpagitaj kotizaĵoj».

Ekzemple, iu grupo, kiu konsistus el 40 membroj, kiuj nur povus pagi malgrandan kotizaĵon da 0'25 pesetoj al sia urba societo, povas prezenti al la Federacio 10 kotizaĵojn po 0'50 pesetoj; ĝi ricevos nur ankaŭ 10 membroservojn—nome, 10 voĉdonrajtojn, 10 gazetojn, k. c.—kvankam ĉe la listo de la Konfederacianoj estu entenataj la 40 nomoj. En tia okazo estas vidite, ke tiu grupo enspezos monate dek pesetojn, el kiuj ĝi sendos kvin al sia Federacio, kaj restos aliaj kvin por ĝiaj elspezoj, ebligante tiamaniere la regulan vivadon de la tuta nacia organizo.

* * *

Kompreneble, mi ĝis nun pritraktis nur la nacian aspekton de la problemo. Pri la internacia mi opinias, ke la Konfederacia estraro devas interrilati kun la superaj organizaĵoj, tio estas, Centra Komitato, Konstanta Komitato de Naciaj Reprezentantoj kaj Universala Esperanto Asocio, pri pago de laŭebla kotizo, oficialaj reprezentantoj, k. t. p.

Tre atentindaj kaj studindaj estas ankaŭ la proponoj de S-ro Mangada pri membreco de UEA per starigo de *Naciaj Fakoj* de UEA-anoj kaj kreado de specialaj membroj. Sed tion mi juĝas kiel sendependan aferon de la varbado de Konfederacianoj: tiuj ĉi devas esti la unua ŝtupo, kiel novevarbitaj esperantamantoj, al kiuj ni vidis, ke oni ne povas postuli multe da mono; la eniro en la superaj organizaĵoj, kiel UEA, signifas la duan ŝtupon por la jam fervoraj esperantistoj aŭ por tiuj personoj, kiuj pro diversaj profesiaj kaŭzoj bezonas la servojn de tia utilega Asocio.

* * *

derecho a recibir el mismo número de servicios generales, que de cuotas así pagadas».

Por ejemplo, un grupo que conste de 40 socios, que sólo puedan pagar una pequeña cuota de 0'25 ptas., a su sociedad local, puede presentar a la Federación diez cuotas de 0'50; recibirán también solamente diez servicios de socio—a saber, diez derechos de voto, diez periódicos, etc.—aunque en la lista de los socios de la Confederación estén incluídos los 40 nombres. En este caso se ve que aquel grupo ingresará mensualmente diez pesetas, de las cuales enviará cinco a su Federación y le quedarán otras cinco para sus gastos, haciendo posible de este modo la vida regular de toda la organización nacional.

* * *

Naturalmente, hasta ahora sólo he tratado del aspecto nacional del problema. Respecto al internacional opino que la Directiva de la Confederación debe relacionarse con las organizaciones superiores, es decir, el Comité Central, el Comité Permanente de Representantes Nacionales y la Asociación Universal de Esperanto, respecto al pago de la cuota posible, los representantes oficiales y demás.

Muy dignas de atención y estudio son también las proposiciones del Sr. Mangada sobre las condiciones de entrada en UEA por medio de la creación de *Secciones Nacionales* de miembros de UEA, en circunstancias especiales. Pero esto creo que es asunto independiente de la recluta de socios de la Confederación: éstos deben ser el primer escalón, como novicios amantes del esperanto, a quienes ya hemos visto que no se puede exigir mucho dinero; el ingreso en las organizaciones superiores, como UEA, significa el segundo escalón para los esperantistas ya fervorosos o para aquellas personas que, por diversas causas profesionales, necesitan los servicios de una Asociación tan útil.

* * *

Kaj nun *du* vortojn por respondi al tiuj, kiuj demandis al mi kial la kotizaĵo de la Grupoj devas dividiĝi inter Federacio regiona kaj Konfederacio, ĉar kelkaj juĝas malpli necesaj la enspezoj por la unua, ol por la dua. Mi tute kontraŭstaras al tiu opinio. Kontraŭe, la Federacioj proporcie bezonas multe pli da mono ol la Konfederacio, ĉar mi konscias ke ili devas esti la viglaj gvidantoj de la movado en sia regiono kaj la veraj agantoj de la propagando, profitante ĉiun okazon favoran al publikaj elmontroj, kiel foirojn, festojn, k. c. en la urboj de sia regiono, por organizi esperantajn kunvenojn, konferencojn k. t. p.; dum la Konfederacio bezonas monon por eldonado de presorgano, precipe, kaj ankaŭ por rilatoj kun la oficialaj organizaĵoj, cirkuleroj pri ĝenerala propagando, k. c., kaj por tio ĉi ĝi havas pli vastajn enspezajn fontojn ol ĉiuj Federacioj.

Tiujn novajn konsiderojn mi dezirus submeti al la atento de la respektinda Komitato de la Dua Kongreso de Iberiaj Esperantistoj, se tio estus ebla.

Ferdinando Soler Valls.

Y ahora *dos* palabras para contestar a los que me han preguntado por qué la cuota de los Grupos debe dividirse entre la Federación regional y la Confederación, pues algunos juzgan menos necesarios los ingresos para la primera que para la segunda. Yo soy completamente opuesto a esta opinión. Por el contrario, las Federaciones necesitan proporcionalmente más dinero que la Confederación, porque yo entiendo que aquéllas deben ser los cuidadosos guías del movimiento en su región y los verdaderos agentes de la propaganda, aprovechando toda ocasión favorable a las manifestaciones públicas, como ferias, fiestas, etc., en los pueblos de su región, para organizar reuniones esperantistas, conferencias y demás; mientras que la Confederación necesita dinero para editar el órgano de la prensa, principalmente, y también para las relaciones con los organismos oficiales, circulares sobre la propaganda general, etc., y para esto cuenta con más amplias fuentes de ingreso de todas las federaciones.

Estas nuevas consideraciones desearía someterlas a la atención del respetable Comité del II Congreso de Esperantistas Ibéricos, si esto fuere posible.

Fernando Soler Valls.

---

(Plegaria a la Virgen de Begoña)

# Preĝpeto ĉe la Begonja Virgulino

Vi, laŭdeginda Difilnaskintino,
Sankta Espero de la homidaro,
De la nacioj glora Virgulino,
Aŭdu la preĝon de la Kristanaro.

Novan ideon ni al Vi prezentas,
Fortan ligilon ĝi en si entenas,
Venkon certegan ni ne plu silentas,
Se nian celon via mano benas.

*Unu mi estas,* diris la Sinjoro,
Kiam parolis Li al la Profeto;
Estu simile ankaŭ unu koro,
Lingvo komuna por komuna peto.

Ni havu sole unu Instruanton,
Diras al ĉiuj la Evangelio,
Nu, parolante nian Esperanton,
Havas plenumon la ordon' de Dio.

Pura, belega, la Dinaskintino,
Estas unika; ni senĉese amu
La dolĉan Nomon de la Virgulino,
Kaj unuvoĉe ĉiam ĝin proklamu.

Dio kreanto, kreitaĵo homo,
Jen fundamento de la Religio,
Kiu nin ligas al la Dia Nomo:
Unu lingvaĵo estu, unu Dio.

Nur unu kredo estas permesate
Al katoliko, unu instruado,
Tion plenumi estu devigate
Por sama diro, sama parolado.

Kiel arkeo, dum la diluvio,
De la pereo savis la homaron,
Tiel nuntempe faros l' Eklezio,
Nin benadante kaj nian gruparon.

De sunleviĝo ĝis la sunsubiro
Unu oferon ni al Dio levas,
Ni ĝin prezentu per la sama diro,
Kiam ni preĝas, aŭ ni ĝin ricevas.

Unu ŝafejo kaj unu Paŝtisto,
Estas la celo de la savo Dia,
Efektiviĝu la ŝafar' de Kristo,
Malsuprenvenu sur nin beno via.

Kiam la Dio kreis la homaron,
Kaj unu karnon ilin ambaŭ vokis,
Donis al ili de Di' la donaron,
Nur unu lingvon en la buŝo lokis,

Nia animo estas Dia skizo,
De Triunuo glora lumrebrilo,
Al hom' donita en la Paradizo,
Kaj ornamita per komunikilo.

Unu vivadon ĝuas la homaro,
Por ĉiuj homoj estas samafero,
Estus bonege, se la homidaro
Interkonsentus por dirmaniero.

Eĉ en la morto estas unueco,
Kiu vortaron en si mem entenas,
Kies esprimo estas realeco,
Kaj kies voĉon ĉiu hom' komprenas.

Ho viv' eterna, vian belegecon
Kiel atingos mi per mia kanto?
Donu al mi ĉiaman eternecon,
Kaj mi ĝin kantos per lingv' Esperanto.

Ni konfidplene, je tuta fervoro,
Vin petegadas, ke Vi protektadu
La entreprenon de la nuna horo,
Trafe nin gvidu, ĉiam nin benadu.

PASTRO MARIANO MOJADO.

---

# Esperanto kaj radiotelefono

## La internacia konferenco de Radikomuniko

La antaŭa konferenco pri internacia interkonsento je raditelefono estis malfermata la 22 aprilo en la Eynard' a palaco en Ĝenevo, je la 15 horo.

S-ro Maurice Rambert, prezidanto de la Radielektra Svisa Societo klarigis la celon de tiu antaŭa konferenco. La grava kreskado de la raditelefono nepre bezonas internaciajn interkonsentojn pri la ondlongeco, pri helplingvo kaj pri starigado de eŭropa centro de eligstacioj.

La konveno elektas S ron Isbrückert,

# El Esperanto y la radiotelefonía

## Conferencia internacional de radiocomunicación

La conferencia preliminar sobre un convenio internacional de radiotelefonía fué abierta el 22 de abril en el palacio Eynard de Ginebra, a las 15.

El Sr. M. Rambert, presidente de la Sociedad Radio Eléctrica Suiza explicó el objeto de esta conferencia preliminar. El importante desarrollo de la radiotelefonía necesita imperiosamente acuerdos internacionales sobre la longitud de onda, sobre un idioma auxiliar y sobre institución de un centro europeo de estaciones emisoras.

La asamblea elige al Sr. Isbrückert,

kiel prezidanton. Li estas inĝeniero de la Kompanio Bell, delegito de Raditelefona societo de Nederlando kaj de la Amsterdam' a stacio. Esperantlingve li plenumas paroladon interesindan, kiu rilatas al kreskado de la «Broadcasting» kaj al la kontraŭaĵoj kiuj malkelpas al ĉi-tiu eligon de koncertoj kaj paroladoj. Li proponas elekti, kiel honoran prezidanton, S-ron Rambert; aplaŭde tio estas akceptata.

S-ro Reut, prezidanto de la Ĝeneva sekcio de l' Svisa Radio-Klubo, prezentas proponon, kiu estos la fundamento de l' diskutoj, kaj pledas la aferon de la amatoroj, kies eksperimentoj kreskigis multe la raditelefonon. S-ro Ed. Privat, membro de la Internacia jura radikomunika komitato, parolas pri organizado, internacie, de l' raditelefonstacioj rilate al horeligoj kaj defendo de l' komunaj interesoj.

* * *

Merkrede, 10 hore.

La antaŭa konferenco relaboras, en la Eynard' a palaco, gvidata de S-ro Isbrückert, kiu parolas Esperante. Diskuto vigla okazas pri apartigo de la ondlongecoj. La svisaj kaj francaj delegitoj ĝenerale parolis france, sed la plejmulto de la alilandaj teknikistoj parolis esperante. Dum la diskuto oni rimarkis precipe S-rojn Rambal, Dufour, Rambert, Kreuz, Boni, Stromboli kaj Calame de la Poŝttelegrafa Svisa departemento, kaj fine estis akceptata la sekvanta decido:

«La antaŭa konferenco pri internacia interkonsento je radikomuniko, konvenante en Ĝenero, je la 22 kaj 23-4-24, konstatante ke la Interkonsento de London, je 1912[a] j., kaj tiu de Washington, je 1920[a] j., ne plu sufiĉas rilate al nunaj bezonoj kaj entenas gravajn mankojn konsiderante la grandan evoluon de l' raditelefono de post tiam, deziresprimas ke nova interregistara konferen-

como presidente. Éste es ingeniero de la Compañía Bell, delegado de la sociedad Radiotelefónica de Holanda y de la estación de Amsterdam. En lengua Esperanto pronuncia un interesante discurso referente al desarrollo del «Broadcasting» y a las dificultades que impiden a ésta la emisión de conciertos y discursos. Propone elegir, como presidente honorario, al Sr. Rambert; por aclamación se acepta esto.

El Sr. Reut, presidente de la sección del Radio-Klub Suizo en Ginebra, presenta una proposición que será la base de las discusiones y defiende la cuestión de los aficionados, cuyos experimentos han desarrollado mucho la radiotelefonía. El Sr. Ed. Privat, miembro del comité legislativo internacional de radiocomunicación, habla sobre organización internacional de las estaciones de radiotelefonía respecto a las horas de emisión y defensa de los intereses comunes.

* * *

Miércoles, a las diez.

La conferencia previa se reanuda, en el palacio Eynard, presidida por el señor Isbrückert que habla en Esperanto. Se promueve una viva discusión sobre la separación de las longitudes de onda. Los delegados suizos y franceses, generalmente, hablan en francés, pero la mayoría de los técnicos de los otros países hablan en Esperanto. Durante la discusión sobresalen principalmente los Sres. Rambal, Dufour, Rambert, Kreuz, Boni, Stromboli y Calame del Ministerio de Correos y Telégrafos de Suiza, y finalmente es aceptada la siguiente decisión:

«La conferencia previa para un acuerdo internacional sobre radiocomunicación, reunida en Ginebra los días 22 y 23-4-24, considerando que el Convenio de Londres, de 1912, y el de Washington, de 1920, no bastan ya respecto a las presentes necesidades y contienen graves defectos al considerar la gran evolución de la radiotelefonía desde entonces, expresa su deseo de que una nueva conferencia in-

co estu, baldaŭe starigata, kies celoj estos neigi la mankojn kaj doni al la raditelefono la eblon kreski, kiel eble plej libere, je la intereso de l' popola klereco, de la universala informado, kaj de l' socia arto, rekomendas:

»1e Ke certaj kampoj de ondlongecoj estu ekskluzive rezervataj al raditelefoneligoj kaj ke ili estu klare malsamaj de tiuj uzataj de la raditelegrafo;

»2e Ke, kompense de l' grava kunhelpo de la amatoroj kiuj multe evoluigas la raditelefonon, iliaj rajtoj estu konsiderataj kaj ke certaj kampoj de ondlongecoj estu rezervataj al iliaj eksperimentoj;

»3e Ke la uzado de l' mildigitaj ondoj estu ekskluzive limigata al eligo de l' danĝeralvokoj de l' ŝipoj kaj al horeligoj;

»4e Petas la Ligon de l' nacioj kaj la Universalan Telegrafan Unuiĝon fari la eblon pri starigado de tiu necesa konferenco, se eble universala, kaj, se ne, almenaŭ eŭropa;

»Invitas ĉiujn raditelefonajn organizaĵojn krei publikopinian movadon kaj sendi peticiojn al iliaj registaroj por ke ĉi-tiuj lastaj rapidigu, je Ĝenevo kaj Berno, la kunvokadon».

Poste, la konferenco estudas la duan parton de l' tagordo, t. e. uzado de l' helplingvo Esperanto je la internaciaj eligoj. S-ro Edmonds, angla delegito, anoncas ke la British Broadcasting Company ekuzadas esperanton, ekzemple pri disvatigado, en Eŭropo, de l' traduko de l' reĝa parolado pri la malfermado de la imperia ekspozicio. Laŭ enketo, oni aŭdis, lasttempe, kvardekon da esperantlingvaj eligoj plenumitaj de la grandaj radistacioj de la sep landoj kies domoj sekvas: Usono, Rusio, Kanado, Britio, Ĉekoslovakio, Francio kaj Svisio.

tergubernativa sea pronto celebrada, cuyos fines sean corregir las faltas y dar a la radiotelefonía la posibilidad de desenvolverse, lo más libremente posible, en interés de la cultura popular, de la información universal y del arte social, recomienda:

»1.° Que ciertos campos de longitudes de onda sean exclusivamente reservados a las emisiones radiotelefónicas y que sean claramente distintos de los usados para radiotelegrafía;

»2.° Que, en compensación del importante auxilio de los aficionados, que hacen evolucionar mucho la radiotelefonía, sean considerados sus derechos, y que ciertos campos de longitudes de onda sean reservados a sus experimentos;

»3.° Que el uso de las ondas amortiguadas sea limitado exclusivamente a la emisión de las llamadas de socorro de los barcos y a las emisiones de hora;

»4.° Ruega a la Liga de las Naciones y a la Unión Telegráfica Universal, que hagan lo posible para la celebración de tan necesaria conferencia, si es posible universal, y si no, por lo menos, europea;

»Invita a todas las organizaciones radiotelefónicas a crear un movimiento de opinión pública y a enviar peticiones a sus gobiernos para que estos últimos aceleren, en Ginebra y en Berna, la convocatoria».

Después, la conferencia estudia la segunda parte del orden del día, esto es, el empleo de la lengua auxiliar Esperanto en las emisiones internacionales. El señor Edmonds, delegado inglés, anuncia que la Compañía de Broadcasting Británica ha empezado a usar el Esperanto, por ejemplo, en la propagación, en Europa, de la traducción del discurso regio sobre la apertura de la exposición imperial. Según datos, se oyeron últimamente unas cuarenta emisiones en lengua Esperanto verificadas por las grandes radioestaciones de las siete Naciones cuyos nombres son: Estados Unidos, Rusia, Canadá, Gran Bretaña, Checoeslovaquia, Francia y Suiza.

Se oni uzas esperanton krom aliaj sistemoj, estas tial ke ĝi estas la plej konata kaj la sola uzata en la ĝenerala praktiko. La Britia Asocio pri antaŭenirado de l' Sciencoj elektis, de post ne longe, esperanton konsiderante tiujn motivojn. S-ro Pitlik kaj la inĝeniero Scholze, ĉekoslovakaj delegitoj, montris kiamaniere la turista ministrejo kaj la specimenfoiroj de sia lando propagandas alilanden per esperantlingvaj eligoj. S-ro Kolonelo Hilfikes, oficiro de svisa militgenio, kaj la inĝeniero itaia Leonello Boni, kiuj ne parolas esperanton, diris siajn mirojn pri facileco de la diskuto kiu okazis inter la alilandaj delegitaj esperantlingve, kaj ili tute aprobas la proponon ĉi-suban, kiu estis unuanime voĉdonata post legado de kelkaj leteroj de raditelefonaj kompanioj de Francio, Britio, Germanio, Italio kaj Ĉekoslovakio:

«La antaŭa konferenco pri internacia interkonsento je radikomuniko, konvenante en Ĝenevo, je la 22 kaj 23-4-24, konstatante ke la raditelefono disvatigadas la homan parolon super la landlimoj kaj renkontas la diversecon de la lingvoj, opinias ke urĝas kaj necesas uzado de internacia lingvo por la eligoj kiuj celas la alilandojn;

»Gratulas la staciojn kiuj ekuzadas esperantlingvajn eligojn en Eŭropo kaj Ameriko aŭ kiuj plenumas kursojn de tiu lingvo;

»Rekomendas al ĉiuj stacioj fari, almenaŭ unu vesperon po semajno, je fiksa tago, malgrandan esperantlingvan eligon kaj, laŭ la eblo, plenumi kurson de Esperanto, tial ke tiu lingvo montriĝis facillernebla, klaraŭdebla kaj estas jam sciigata de sufiĉe granda nombro da aŭskultantoj de ĉiuj landoj».

* * *

Si se usa el Esperanto, aparte de otros sistemas, es porque es el más conocido y el único usado en la práctica general. La Asociación Británica para el progreso de las Ciencias eligió, no hace mucho, el Esperanto, teniendo en consideración estos motivos. El Sr. Pitlik y el ingeniero Scholze, delegados checoeslovacos, expusieron de qué manera el Ministerio de Turismo y las Ferias Muestrario de su país hacen propaganda en el extranjero por medio de emisiones en lengua Esperanto. El Sr. Coronel Hilfikes, de ingenieros militares de Suiza, y el ingeniero italiano Leonello Boni, que no hablan Esperanto, expresaron su admiración por la facilidad de la discusión que tenía lugar entre los delegados de distintos países en lengua Esperanto, y aprobaron en absoluto la siguiente proposición, que fué unánimemente votada después de la lectura de algunas cartas de compañías radiotelefónicas de Francia, Inglaterra, Alemania, Italia y Checoeslovaquia:

«La conferencia previa para un convenio internacional sobre radiocomunicación, reunida en Ginebra, los días 22 y 23-4-24, considerando que la radiotelefonía difunde la palabra humana por encima de las fronteras y tropieza con la diversidad de lenguas, opina que es urgente y necesario el uso de una lengua internacional en las emisiones destinadas a los demás países;

»Felicita a las estaciones que han empezado a hacer emisiones en lengua Esperanto en Europa y América o que patrocinan cursos de esta lengua;

»Recomienda a todas las estaciones hacer, a lo menos una tarde por semana, en día fijo, una pequeña emisión en lengua Esperanto y, si es posible, explicar un curso de Esperanto, puesto que esta lengua está demostrado que es fácil de aprender, clara para la audición y que la poseen ya gran número de oyentes de todos los países».

* * *

Merkrede, posttagmeze.

Je la 16ª horo, la konferenco relaboras en la Eynard' a palaco. Post aŭdado de raporto de S-ro Maurice Rambert, oni voĉdonas proponon, kiu diras:

«La konferenco fidas je sia ĉefestraro pri starigado de provizora aganta komitato kies celoj estas starigi internacian rondon je raditelefono kaj ankaŭ interligi, ĉiame, la eligstaciojn, la kompaniojn kaj la raditelefonajn gazetojn per centro je Ĝenevo, sidejurbo de la Ligo de l' Nacioj».

La diskuto, poste, daŭras, esperantlingve, pri la internacia raditelefona teknika vortaro, kaj la ĥina delegito Won Kenn kontraŭstaras kontraŭ enkonduko de neutilaj vortoj, kiel «Broadcasting», ĉar, li diras, ĉiuj lingvoj, inkluzive Esperanto, entenas la necesajn radikojn por aranĝi la taŭgan vorton. S-ro Calame, aprobas tiun vidpunkton rilate al la franca lingvo. Li diris ke kelkaj societoj svislandaj skribis al svisa administracio proponante la vorton: Radio-diffusión (Radidisvastigado).

Pola gazetisto, ĉeestante ĉe la konferenco, plendas pri la tuta nepermeso de privata uzado de l' radikomuniko, eĉ pri ricevado amatore, kiu okazas en kelkaj landoj, kiel en Polio. La konferenco, per aplaŭdoj, voĉdonas deziresprimon, kiu petas la ĉefestraron plenumi peticiojn al registaroj kiuj ordonis tiun nepermeson.

La prezidanto fermas la konferencon je la 17ª ½ horo, gratulante la delegitojn pro la plenumata laboro, kiu estas multe taŭga.

*La Interligilo de l' P. T. T.* (Profesia gazeto esperantlingva).

Miércoles, por la tarde.

A las 16, la conferencia se reanuda en el palacio Eynard. Después de oir un informe del Sr. M. Rambert, se vota una proposición que dice:

«La conferencia confía a su presidencia el nombramiento de un comité ejecutivo provisional cuyos fines sean establecer una asociación internacional de radiotelefonía y también relacionar entre sí, para siempre, las estaciones emisoras, las compañías y las revistas radiotelefónicas por medio de un centro en Ginebra, ciudad de residencia de la Liga de las Naciones».

La discusión continúa después en Esperanto sobre el vocabulario técnico internacional de radiotelefonía, y el delegado chino Won Kenn se opone a la introducción de palabras inútiles, como «Broadcasting» porque, dice él, todas las lenguas, incluso el Esperanto, contienen las raíces necesarias para componer la palabra adecuada. El Sr. Calame aprueba este punto de vista respecto a la lengua francesa. Dice que algunas sociedades suizas han escrito a la administración de este país proponiendo la palabra Radiodiffusión.

Un periodista polaco, que asiste a la Conferencia, se lamenta de la total prohibición del uso particular de la radiocomunicación, hasta en la recepción por los aficionados, que existe en algunos países, como en Polonia. La Conferencia, por aclamación, vota una proposición rogando a la presidencia dirija peticiones a los Gobiernos que han ordenado esta prohibición.

El Presidente cierra la Conferencia a las 17 ½, felicitando a los delegados por la labor realizada, que es muy importante.

*El lazo de unión entre los funcionarios Postales-Telegráficos y Telefónicos* (Periódico profesional en Esperanto).

Traducción española de

F. SOLER VALLS.

❖ ❖ ❖

# Grava dekreto pri Esp. en Germana Respubliko

PRUSA MINISTRO POR SCIENCO
ARTO KAJ POPOLKLERIGADO
UTK 853 U II, 1.

Berlin, 10 marto 1924.

La enketo farita sekve de mia dekreto de l' 20 majo 1923—UTK 83—rezultigis, ke granda nombro da instruistoj kaj instruistinoj estas kapabla kaj preta, instrui la internacian helplingvon Esperanto. Per tio ekzistas la ebleco peradi al la lernantoj kaj lernantinoj la scion de tiu ĉi lingvo. Estas ja maleble, enigi la instruadon kiel libervolan instrufakon en la instruplanojn; specialaj rimedoj ankaŭ ne povas esti disponigataj de mi. Mi tamen ordonas, ĉie, kie instruistoj deklaras sin pretaj instrui sen speciala kompenso ekster la programo de l' cetera instruado, aŭ kie la necesaj rimedoj povas esti havigataj alimaniere, instigi ke konvenaj klasĉambroj estu disponigataj kaj la instruado estu ĉiurilate akcelata.

Se en iu lernejo ne ekzistas instruisto, kapabla pri tiu ĉi instruado, nenio kontraŭstaras, ke la lernantoj de tiu ĉi lernejo provizore partoprenu al la koncerna instruado en alia konvene lokita lernejo.

Tiu ĉi dekreto devas baldaŭ esti diskonigata al la geinstruistaro de ĉiuj pli altaj lernejoj de l' tiea administra regiono. En tiuj lernejoj, en kiuj la instruado estas ebla, tiu ĉi dekreto devas ankaŭ esti diskonigata al la gepatra konsilantaro. Ĉiuokaze devas esti ebligate al la instruisto, preta preni sur sin la instruadon, klarigi al la gepatroj la esencon de Esperanto kaj ĝian signifon. En tio devas esti speciale akcentate, ke per lernado de tiu ĉi lingvo la studo de vivantaj lingvoj neniel estu repuŝata, sed kontraŭe per tio estu akcelata.

# Importante decreto sobre Esperanto en la República alemana

MINISTRO DE PRUSIA DE CIENCIAS,
ARTE E INSTRUCCIÓN PÚBLICA
UTK 853 U II, 1.

Berlín, 10 marzo 1924.

La información efectuada a consecuencia de mi decreto del 20 de mayo 1923—UTK 83—dió por resultado que gran número de profesores y profesoras están capacitados y dispuestos a enseñar el idioma auxiliar internacional Esperanto. Por lo cual existe la posibilidad de facilitar a los estudiantes de ambos sexos el estudio de dicho idioma. Verdaderamente es imposible incluirlo como materia voluntaria en el plan de estudios; medios especiales, tampoco pueden ser dispuestos por mí. Sin embargo, ordeno que, doquiera los profesores se declaren dispuestos a enseñarlo sin especial remuneración, fuera del programa de las demás enseñanzas, o donde los medios necesarios puedan obtenerse de otra manera, instigar sean dispuestos los locales convenientes y comenzada la enseñanza seguidamente.

Si en alguna escuela no hubiera profesor capaz para esta enseñanza, no implica que los estudiantes de esta escuela reciban provisionalmente la concerniente instrucción en otra escuela de la localidad.

Este decreto se dará a conocer acto seguido a los consejos de instrucción de ambos sexos de todas los escuelas de Segunda Enseñanza de esta región administrativa. En aquellas escuelas en que la instrucción sea posible, este decreto debe también notificarse a los consejos de familia. En este caso debe obligarse al profesor, dispuesto a tomar a su cargo la enseñanza, a explicar a los padres la esencia del Esperanto y su significado, consignando especialmente que, por el estudio de este idioma, no se rechaza el estudio de las lenguas vivas de ningún modo,

Mi ordonas, raporti al mi ĝis la 1 februaro 1925 pri la spertoj ĝis tiam faritaj, precipe pri la partoprenado al tiu ĉi instruado.

Subskribo: BOELITZ.

Al la Provincaj instru-direktorioj en Königsberg, Berlin, Stettin, Breslau, Magdeburg, Schleswig, Hannover, Münster, Kassel, Koblenz.

sino que al contrario, sirve para facilitarlo.

Mando se me notifiquen hasta el 1 de febrero de 1925, las experiencias realizadas, principalmente respecto a la importancia alcanzada por este estudio.

Firmado: BOELITZ.

A los Directores provinciales de Instrucción de Königsberg, Berlín, Stettin, Breslau, Magdeburg, Schleswig, Hannover, Münster, Kassel, Koblenz.

## Esperanto en meksikaj lernejoj

La meksikaj esp. grupoj klopodas senlace enkonduki Esp. en la duagradajn kaj komercajn lernejojn de la Meksika Respubliko; sed por certigi sukceson je iliaj klopodoj estas urĝe necesege, ke oni sendu al la Meksika Registaro taŭgajn dokumentojn, petskribojn, propagandilojn, leterojn.

Adreso: S-o Lic. José Vasconcelos, Segretario de Educacion Publica, Mexiko D. F.

## Esperanto en las escuelas de Méjico

Los grupos esperantistas de Méjico trabajan sin descanso para introducir el estudio del Esperanto en las escuelas de segundo grado y de comercio de aquella República.

Para asegurar el éxito de sus gestiones, es sumamente necesario y urgente que se envíen al Gobierno mejicano documentos adecuados, peticiones, objetos de propaganda y cartas.

Dirección: Licenciado Sr. D. José Vasconcelos, Secretario de Educación Pública, Méjico, D. L.

## Internacia Marista Konferenco en Londono

Dum pasinta monato okazis en Londono la dua Internacia Marista Konferenco, partoprenita de reprezentantoj el dekvar malsamaj nacioj.

La aferoj pritraktitaj estis tre interesaj kaj gravegaj; sed... ni ne povas certigi ĉu la tuta reprezentantaro bone komprenis ĉion, kion oni diskutis en tiu kunveno.

Kiam konvinkiĝos la naciaj estraroj pri la taŭgeco de Esperanto, kiel perfek-

## Conferencia Naval Internacional de Londres

El mes pasado se celebró en Londres la segunda Conferencia Naval Internacional a la que concurrieron representantes de catorce naciones diferentes.

Los asuntos tratados fueron muy interesantes y de gran trascendencia; pero... no podemos asegurar si todos los representantes llegaron a comprender todo lo que se discutió en esa reunión.

¿Cuándo se convencerán los gobiernos de las naciones, de la practicidad del

ta komprenilo, por tiuj internaciaj kongresoj?

Vere, la homaro havas okulojn, sed ne vidas, orelojn kaj ne aŭdas. Ja oni povas apliki al tiu temo la hispanan proverbon, kiu diras: «La plej nesanigebla surdulo estas tiu kiu ne volas aŭskulti».

Esperanto, como perfecto instrumento de comprensión, para esos congresos internacionales?

Verdaderamente la humanidad tiene ojos y no ve, oídos y no oye. Con razón puede aplicarse a este tema el adagio español que dice: «No hay peor sordo que el que no quiere oir.»

---

# LA INFANOJ

*Edmundo de Amicis* verkis

Io ektremigas min: mia filo.

Kelkajn fojojn, rigardante lin, mi imagas la milojn da infanoj samaĝaj, naskiĝintaj en la sama tago, kaj en tiu ĉi sama momento ili estas kiel li, naivaj, karesemaj; mi ilin imagas en iliaj lulilojn, ĉirkaŭpremataj de la patrinbrakoj, kovritaj per kisoj kaj vokataj per la plej dolĉaj nomoj de la homa lingvo; mi vidas en la koro de iliaj patroj la saman esperon, la saman antaŭsenton, ke ili estos honestaj kaj feliĉaj; pli bone dirite, la saman certecon kiun mi havas; kaj tiel pravan kiel la mian; tamen, ankaŭ mi pensas ke de tiu anĝela legio eliros, rabistoj, krimuloj, patromortigontoj, kiuj surĵetos la malesperon kaj la malhoneston sur siajn familiojn. Kiam tiu ĉi ideo fiksiĝas en mia kapo, mi estas devigata intelekt bataladi por forlasi ĝin.

Hodiaŭ matene mi prenis mian fileton kaj metante ĝin sur miajn krurojn mi demandis al li:

—Infano, ĉu vi estos perfidmortiganto?

Li ankoraŭ ne komprenas la signifon de tiuj ĉi vortoj.

—Jes—li respondis;—sed mi volas sukeraĵojn.

Se mi povus diveni lian estontecon, kiel la ciganoj, sur la manplato!

Kion uzos tiu ĉi maneto? Ĉu la glavon? Ĉu la ponardon? Ĉu la plumon? Ĉu la arĉon? Ĉu la anatomian,dissekcilon?

Malfeliĉa maneto!, kiom da fojoj vi subtenos la kapon lacigitan pro la maldanka laboro aŭ pro la dolora penso!

# LOS NIÑOS

Hay una cosa que me hace estremecer: mi hijo.

Algunas veces, mirándole, me figuro los muchos millares de niños de su edad, nacidos en el mismo día, y en este instante son como él, inocentes y cariñosos; me los figuro en sus cunas, entre los brazos de sus madres, cubiertos de besos y llamados con los más dulces nombres de la lengua humana; veo en el corazón de sus padres la misma esperanza, el mismo presentimiento de que serán honrados y felices; mejor dicho, la misma seguridad mía; y tan fundada como la mía; y pienso que, sin embargo, de toda esa legión de ángeles saldrán ladrones, falsarios, asesinos, parricidas que arrojarán la desesperación y la deshonra sobre sus familias. Cuando este pensamiento se fija en mi cabeza, tengo que hacer gran esfuerzo para librarme de él.

Esta mañana tomé a mi niño sobre las rodillas, y le pregunté:

—Niño, ¿serás tú un asesino?

El no comprende todavía el significado de esas palabras.

—Sí—respondió;—pero quiero dulces.

¡Si pudiese adivinar su porvenir, como los gitanos, en la palma de la mano!

¿Qué manejará esta manecita? La espada? ¿El puñal? ¿La pluma? ¿El arco del violín? ¿El escalpelo del anatómico?

¡Pobre manecita!, ¡cuántas veces sostendrás la cabeza fatigada por el ingrato trabajo o por el pensamiento doloroso!

¡De cuántas cartas lisadas de negro romperán el sello! ¡Cuántas diestras de

El kiom da leteroj nigre strekitaj ĝi rompos la kovertojn! Kiom da dekstraj manoj de falsaj amikoj kaj malindaj virinoj ĝi estos devigata premi!

Sed vi, mia filo, konservos ĝin pura je ĉia makulo; kaj kiam vundos vin granda doloro, nemeritita, se vi intencas ĝin levi, ne levu ĝin, ne, por malbeni, sed por ĝin kunigi kun la alia, kiel ĉiunokte kaj matene instruas al vi via patrineto.

Mi rigardas lian maneton, mi ĝin envolvas per la mia, kaj mi ekridetas pensante ke ankaŭ estis samformaj la manoj de la militistoj plej famaj kaj tiuj de la plej gloraj artistoj el la mondo. Kaj de tiu ĉi ideo mi transiras al miaj preferaj pensoj pri la infaneco de la grandaj homoj.

Mi imagas Homeron, kiu mal lesperas ĉar oni forprenis de li abrikoton; Cesaron, kiu tremas antaŭ rato; Dante' on, saltante sur rajdseĝon de ligna ĉevalo; Mikaelon Anĝelon, kiu dum lia patro montras al li statuon, li disrompas oston per la piedo, kaj S-inon Bonaparte' on, kiu diras al la Eŭropa venkonto:

—Kia honto! Je tiu aĝo, kiam oni sentas korpbezonon, oni ne malpurigas tiel la domon...!

Se li estus granda homo! Estas la patra revo, sed ebla.

Enigmo, fine, enigmo; hieroglifo kies signifo ankoraŭ estas nekonata vorto, el kiu nur estas skribita launu a litero. Bileto de la nemezurebla homa loterio. Tiu ĉi dubo estas la plej dolĉa iluzio el mia vivo.

Ŝajnas al mi ke mi posedas misteran kofreton en kiu eble ekzistas plenmano da sablo aŭ amaso da perloj. Mi estas preskaŭ tridekjara; mia estonteco, kiu komencis estingiĝi, plilongiĝis subite; mi perdis la lastajn iluziojn de la juneco; mi trovis la senfinajn iluziojn de la infaneco.

Kion valoras ke miaj haroj falas? La liaj multnombriĝas!

Kia graveco estas en tio ke mi subiras? Li supreniras!

Tradukis

MANUEL MILLÁS SAGRERAS.

Valencio.

falsos amigos y mujeres indignas tendrás que estrechar!

Pero tú la conservarás limpia de toda mancha, hijo mío; y si cuando te hiera un gran dolor, inmerecido, te asaltan impulsos de levantarla en alto, no la levantes, no, para maldecir, sino para juntarla con la otra como todas las noches y las mañanas te enseña tu madre.

Miro su manecita, la abarco toda en mi puño, y sonrío pensando que pasaron también por esta forma las manos de los guerreros más formidables y de los artífices más gloriosos del mundo. Y de esta idea paso a mis pensamientos predilectos de la infancia de los grandes hombres.

Me figuro a Homero que se desespera porque le han quitado un albaricoque; a César, que tiembla delante de un ratón; a Dante, que salta en la silla de un caballo de madera; a Miguel Angel, que mientras su padre le enseña una estatua, se dedica a machacar un hueso con el pie, y a la Sra. Bonaparte, que dice al futuro vencedor de Europa:

—¡Qué vergüenza! ¡A esa edad, cuando se tiene una necesidad, no se ensucia de ese modo la casa!...

¡Si llegase a ser un gran hombre! Es un sueño de los padres; pero no imposible.

Enigma, enigma al fin, jeroglífico cuya significación es aún desconocida palabra, de la cual no está escrita más que la primera letra; número de la inmensa lotería humana. Esta duda es el más dulce alimento de mi vida.

Me parece que poseo misterioso cofrecillo, en el cual es posible que haya un puñado de arena o un montón de perlas. Estoy cerca de los 30 años; mi porvenir, que empezaba a limitarse, se ha prolongado de improviso; he perdido las últimas ilusiones de la juventud; he encontrado las infinitas ilusiones de la infancia.

¿Qué importa que mis cabellos se caigan? ¡Los suyos se espesan!

¿Qué importa que yo descienda? ¡El sube!

EDMUNDO DE AMICIS.

## SCIIGOJ

La lerta advokato kaj fervora esperantisto el Barcelono S-ro Rómulo S. Rocamora aperigis sur la numero de la 7ª lastmonata majo de la grava jurnalo *El Diluvio* de l' dirita urbo, interesan artikolon titolitan «La Internaciigo de sendependa helpa idiomo», pritraktante la progreson de Esperanto en la tuta mondo kaj ĝia nuna prospera sukceso en Hispanio, kiel oni elmontros ĉe la proksima Kongreso de iberiaj esperantistoj en Bilbao.

---

Oni intencas okazigi en Cheste la unuan regionan esperantistan Kongreson de la *Faderación Esperantista Levantina.* La tiea Urbestraro proponis tion al la Direktanta Komitato de tiu federacio kaj eble nia kunveno okazos dum la sama tempo kiam oni efektivigos la ĉiujaran feston de tiu vilaĵo t. e. en la tria semajno de la venonta monato oktobro de tiu ĉi jaro.

Gustatempe ni informos niajn gelegantajn pli detale.

## NOTICIAS

El inteligente abogado y fervoroso esperantista de Barcelona D. Rómulo S. Rocamora ha publicado en el número correspondiente al día 7 de mayo último del importante diario *El Diluvio* de dicha ciudad, un artículo interesante titulado «La Internacionalización de un idioma auxiliar independiente» tratando del progreso de Esperanto en todo el mundo y su actual creciente éxito en España, como se demostrará en el próximo Congreso de esperantistas ibéricos en Bilbao.

---

Se intenta celebrar en Cheste el primer Congreso regional esperantista de la *Federación Esperantista Levantina.* Aquel Ayuntamiento lo ha propuesto así al Comité Directivo de dicha federación y probablemente nuestra asamblea tendrá lugar al mismo tiempo que se celebran las fiestas anuales de aquella villa, esto es, durante la tercera semana del mes de octubre del presente año.

Oportunamente informaremos a nuestros lectores con más detalles.

---

## FEDERACION ESPERANTISTA LEVANTINA

Para que llegue a conocimiento de los interesados, y en general de los esperantistas ibéricos, hemos de hacer constar que nos han remitido donativos de cuantía distinta los señores cuya lista publicamos a continuación:

«Paco kaj Amo», Asturias, 1, Barcelona.
Srta. Gabriela Granel, Maspóns, 5, Gracia (Barcelona).
D. Luis Hermida Higuera, Silva, 49, 2.°, Madrid.
» Rafael Durán (Zapatería), Minas, 12, Madrid.
» Luis Rodríguez Escartín, Ilustración, 8, Madrid.
» Enrique Gálvez Cañero, Inspección de Vigilancia, Pamplona.
» Juan Serrano Olmo, Reloj, 1, Córdoba.
Srta. Amalia Núñez Dubus, Prof. Normal, Mayor, 48, 3.°, Pamplona.
D. M. Cano Balaguer, San Pablo, 15, 1.°, Gavá (Barcelona).
Srta. Carmen Echevarría, Mayor, 9, Gavá (Barcelona).
D. Antonio Mármol Cordero, Villanueva de las Minas (Sevilla).
Srta. María Franco de Capblanco, Blasco de Garay, 67, Madrid.
D. Juan Carrasco Mena, calle Alta de San Pablo, 3, Madrid.
» Arturo García Paladín, Juan de Mena, 11, Madrid.
» M. Arnáu Miró, Cuartel de la Guardia civil, Tarrasa (Barcelona).

» Francisco San Martín Moreno, Lagasca, 121, Madrid.
» Antonio Rebullida, Oficial de Correos, Conde de Barajas, 4, Madrid.
» Ignacio Casas, Cajero del Banco de Burgos, Burgos.
» Joaquín Duquesney, Jefe de Estadística, Burgos.
» Fermín Aldaz, Almacén de licores, Pamplona.
» Juan Biscor, empleado Diputación Provincial, Pamplona.
» Jesús Lafuente, Calabria, 199, 2.º, 2.ª, Barcelona.
» Germán Olivares, por Puebla del Duc, Otos (Valencia).
» Julio Mangada Rosenörn, Glorieta de Bilbao, 5, Madrid.
» Benigno de Luna, Dehesa de la Villa, Pirineos, 7, B, Madrid.
» José Perogordo, T. C. de Artillería, los Santos, 2, Madrid.
» Vicente Alonso Sanz, T. C., Sánchez Bustillo, 3, Madrid.
» Ernesto Guilmain Serantes, T. C. de E. M., Rodón, 8, Madrid.
» Jaime Fort, R. de la Paz, 34, Villanueva y Geltrú (Barcelona).
» Manuel Clauêck, T. C. PRAHA-SMICHOV, Semtanova, 10, Checoslovaquia.
» Angel Valdepeñas (sastrería), Pelayo, 6, pral., Barcelona.
» Luis López de María, Cortes, 553, 2.º, 1.ª, Barcelona.
» Roberto Maraury, Villarroel, 19, Salamanca.
» Gaudencio Vázquez, Nerva (Huelva).
» Fidel Orobity, Pbro., Petrichol, 10, 1.º, Barcelona.
» Víctor Domingo, Medellín, 3, 2.º, izquierda, Madrid.
» Florencio Barandiaran, Aguas, 12, 2.º, derecha, Madrid.
» Jacinto Martín, Castelló, 3, 2.º, derecha, Madrid.
» Angel Martín, Castelló, 3, 2.º, derecha, Madrid.
» Emilio Fernández, Columela, 3, Madrid.
» Mariano Mojado, Pbro., Abascal, 13, pral. A, Madrid.
» Narciso Bofill, Sindicato, 188, 1.º, Palma.
» Diego Aznar Casanova, Cuevas de Vera (Almería).
» Miguel Botella Pérez, San Vicente, Valencia.
» Romualdo Aguilar Blanch (Oculista), Valencia.
» Vicente Marzal Mustieles (Abogado), Valencia.
» Jesús Macián, Sargento de artillería, Gerona.
» J. E. Bowerman, Cleveland, Ohio U. S. A.
» Enrique Sapena, José Benlliure, 188, Cabañal (Valencia).
» Rafael Bernial, Barcelona.
» Pedro Naranjo, Jerez de la Frontera.

No hemos querido fijar en este lugar la cantidad que cada uno de los señores y entidades mencionados, nos han enviado como auxilio a los gastos de la Federación y de la Revista; pero la suma de lo recibido desde enero alcanza la cantidad de 322'50 ptas.

A nadie se ocultará que los gastos de la Revista superan en mucho a la suma recibida. Ello no obstante, tenemos la satisfacción de comunicar a nuestros habituales lectores que ésta no morirá por falta de recursos (ya que no admite suscripciones), pues cuenta con generosos, aunque ocultos protectores, que seguirán prestándole los medios necesarios para su supervivencia.

Por la misma razón apuntada, el Comité directivo de la Federación Esperantista Levantina, se reserva el derecho de elegir las personas o entidades a las que se ha de enviar LA SUNO HISPANA, mientras el II Congreso de Esperantistas Ibéricos, próximo a celebrarse en Bilbao, decide otra cosa, en lo referente a elección de un órgano en la Prensa para la difusión del Esperanto y unión de los esperantistas de la Península e islas adyacentes.

# El Esperanto en una página

Pronunciación de las letras:

a, e, i, o, u, ŭ, b, d, f, k, l, m, n, p, r, s, t, v, lo mismo que en castellano.
c = tse, ĉ = ch, g = gue, ĥ = j, h = aspirada, j = y,
ĝ = dche, ĵ = yche, ŝ = sche, z = dse

(Estos cuatro últimos sonidos son: 1.°, el de *dj* o *tj* en francés, *adjudant*, o en catalán y valenciano *viatje;* 2.°, *j* en dichos idiomas, *je*, *Jaume*, *jardí;* 3.°, *ch* francesa en *chat*, o *x* catalana o valenciana en *baix*, *eixe;* y 4.°, *z* en francés o *s* en catalán, *casa*, *rosa).*

El acento recae siempre en la penúltima sílaba.

---

Artículo único, *la* = el, la, los, las

El sustantivo singular termina en *o: homo* (hombre), *kato* (gato).
» adjetivo » » *a: homa* (humano), *kata* (gatuno).
» infinitivo. . . . . . . . *i: ami* (amar), *skribi* (escribir).
» adverbio. . . . . . . . *e: bone* (bien), *plene* (completamente).

El plural se forma añadiendo al singular una *j: libroj* (libros), *katoj* (gatos)—pronúnciese *líbroy*, *kátoy*.

Terminaciones de los tiempos y modos del verbo:

| *as* | *is* | *os* | *us* | *u* |
|---|---|---|---|---|
| presente | pasado | futuro | condicional | imperativo-subjuntivo |
| *ant* | *int* | *ont* | para los participios activos. | |
| *at* | *it* | *ot* | » » » pasivos. | |

Unico verbo auxiliar *esti* (ser, estar o haber), para los tiempos compuestos.

Ejemplos: *mi amas* (yo amo), *ili amas* (ellos aman), *vi amis* (usted amó), *ni amos* (nosotros amaremos), *li amus* (él amaría), *amu* (ama tú), *ke ili amu* (que ellos amen), *mi estas amanta* (yo estoy amando), *vi estas amonta* (usted ha de amar), *li estas amata* (él es amado), *mi estos amata* (yo seré amado)...

Las preposiciones forman la declinación, como en castellano, así: *de la patro* (del padre), *al la historio* (a la historia), menos el acusativo, que termina en *n: mi legas la libron* (yo leo el libro).

El vocabulario está formado de palabras que son ya internacionales o que pertenecen a los idiomas europeos más usados: *teatro*, *telefono*, *amiko*, *bona*, *blanka*, *sana ami*, *skribi*, *elekti...*, las cuales se multiplican combinándose con afijos: *reakiri*, *malamiko*, *amikeco*, *amikaro*, etc.

TIPOGRAFÍA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA